# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO, NOVZELANDO KAJ PETANTOJ**



**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Bob Felby**
**PLENUMITA 28/12/2017 Tricent- kvindekkvara eldono (unua eldono 20/09/2011)**
SENDITA AL 325. La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj



Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;

*reta-vortaro *Freelang Vortaro *Plena Ilustrita Vortaro * Esperanta Retradio *Google Translate * Pasintaj eldonoj *

Ctrl+klaku ligojn por kapabligi la malfermon. Kutime, sed ne ĉiam, la ligoj havas verdetan koloron

Oni povas meti sian nomon, retadreson, urbon kaj landon al la listo de ricevantoj. rspring@tpg.com.au

## Ĝis nun 1,420,000 lernantoj ekstudis Esperanton per Duolingo



Ekstudis pli ol **1,150,000** lernantoj en la Esperanto-kurso de Duolingo per la angla lingvo. (Ekde la 28a de Majo 2015) https://www.duolingo.com/course/eo/en/Learn-Esperanto-Online

Ankaŭ ekstudis pli ol **268,000** lernantoj per la hispana lingvo. (Ekde la 26a de Oktobro 2016)






Feliĉan kaj Sanoplenan Novan Jaron



**Novjaran rezolucion por la legantoj**

**Sendu novaĵon pri viaj Esperanto-spertoj al AE** *Roger Springer*



# Gramatika serio “La Verbo en P.A.G.”.

**N.ro 8** ( La **Plena Analiza Gramatiko** de Waringhien kaj Kalocsay)




Post la menciitaj tabeloj kun la detalaj klarigoj P.A.G. plidetaligas la uzojn de la Tempoj, de la Modaloj, de la Modoj, de la Voĉoj kaj de la Aspektoj, dum 24 paĝoj.

En kvin paĝoj P.A.G. klarigas la Tempojn surbaze de kvar malsamaj specoj de verboj, nome la verboj de Daŭro kaj Rezulto, ekz. desegni, skribi, konstrui, legi; la verboj de Daŭro sen Rezulto, ekz. admiri, amuzi, memori, rigardi; la verboj de Rezulto sen Daŭro, ekz. akiri, doni, fermi, solvi, trovi; kaj la verboj Hibridaj, ekz. determini, supozi, ĉirkaŭi, lui, ŝirmi. Mi trovas ĉi tiun dividon nevalora por la kompreno de la lingvo, nur akademia, ĉar ĉiu persono kiu konscie aŭ subkonscie lernas verbon, lernas samtempe en kiu kazo uzi ĝin en kiu tempo. Tio estas parto de la signifo de la verbo. La libro donas jenan ekzemplon de la malsameco en tempoj: “Petro memoras la melodion kaj Paŭlo ĝin forgesis”, falsa, ĉar la tempoj estas samaj, nome ‘Petro memoras la melodion kaj Paŭlo ĝin ne memoras’. kaj ‘Paŭlo forgesis la melodion kaj Petro ĝin ne forgesis’, nome ke la ago ‘memori’ sekvas la agon ‘forgesi’ kaj do plej ofte la agoj ‘forgesi’ KAJ ‘ne forgesi’ okazas en la pasinteco kaj la agoj ‘memori’ KAJ ‘ne memori’ en la nuno. Sed oni povas memori ion en la pasinteco kaj forgesi ĝin nun. La tuta kvarpaĝa pritrakto de tiuj kvar malsamaj specoj de verboj baziĝas sur ĉi tiu kaj aliaj falsaj komparoj. Ĉiuj verboj sammaniere sekvas la regulojn por la tempo, do la tri paĝoj estas neutilaj kaj perdo de tempo kaj spaco. Kiam mi memoros aŭ ne estas Futuro de la plena ago ‘memori’ kaj kiam mi forgesos aŭ ne estas plena ago en la estonteco de la verbo ‘forgesi’. La du agoj estas tute malsamaj agoj, sed sekvas la samajn regulojn por la Tempoj de la Verboj.



*Marcel Leereveld.*






BES kunvenos ĉe la biblioteko en Brizbano : 20.01.18 *Petro Danzer* BES Sekretario



# Semajna raporto de Melburno



Niaj kutimaj semajnaj kunvenoj rekomenciĝos en Februaro. *Joanne Johns*



# Jen komentoj pri la elskriboj de Marcel.



Karaj,

Al la demando Kiu tago estas hodiaŭ, ni kutime respondas "Estas dimanĉo, estas mardo, ktp". Se vi volas scii ion pli precizan, tiam vi demandas Kiu dato estas hodiaŭ? Mi naskiĝis iun sabaton. Do mia naskiĝtago estas sabato. Do ĉu mi povas festi mian naskiĝtagon ĉiun semajnon? Se ni aldonas, ke mia naskiĝtago estis sabato la 11-a de junio, nu tiam mi eĉ ne povas festi unufoje jare, ĉar ofte la 11-a de junio ne estas sabato!

Amike, *Nicole Else*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# Kastelo Greziljono

Via Domo atendas Vian Viziton je tiuj datoj:

2018-aprilo-20/28 --- PRINTEMPaS, intensivaj kursoj

2018-aprilo-27/28 --- Internaciaj KER-ekzamenoj

2018-majo-09/13 --- Korusa renkonto de *Interkant'*
2018-majo-09/13 --- ReVe, Renkontiĝo Vegana
2018-julio-09/27 --- Maratona Esperanto-kurso dum ĝis 18 tagoj
2018-julio-16/21 --- Speciala semajno kun Turismaj vizitoj pri Arto
2018-julio-21/27 --- Internacia E-Konferenco de OSIEK « Esperanto en Artoj »
2018-aŭgusto-11/19 --- Festa Semajno por infanoj kaj familioj

La suban bondezirkarton vi povas **mendi** por 1€ por subteni niajn laborojn por rulseĝuloj.




Skribu bv al kastelo@gresillon.org

*Bert Ŝuman*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# Ĝ a r d e n p r o m e n o j .



**1). PROMENANTE EN MIA ĜARDENO**, mi rimarkis ke el la du bluaj koniferoj en ĝi, nur la koloro de la foliaro de la blua piceo, *Picea pungens glauca, blue spruce*, estas pure blua, kaj belega. La koloro de la blua cedro, *Cedrus atlantica glauca, blue atlas ceder,* estas verdece kaj grizece blua. La lasta arbo aspektas belega pro la longaj kaj larĝaj horizontalaj flankbranĉoj. En alia parto nun floras la *paperbark*, speco de *honey-myrtle*, melaleŭko, Melaleuca linariifolia; ĉi tiu



arbo floras nur ĉe unu aŭ du flankoj, kaj proksiman jaron ĉe alia flanko.
*M. L.*

**2). PLU AL MIA NASKIĜTAGRIPETO:** Unu samideano menciis al mi, ke eĉ "naskiĝtago" ne ĝustas, ĉar ĝi devas esti "naskiĝtagripeto", t. e. ripeto de la tago en la jaro, en ĉiu jaro, do naskiĝjartagripeto. Li pravas , sed forgesis ke Zamenhof genie kreis la Regulon pri Neceso kaj Sufiĉo, kaj ke tial ĉiuj komprenas la reduktitan esprimon naskiĝtago. La nocio pri la ripeto de la naskiĝtago, ekz. 15 Decembro, uzatas multege pli ofte ol la nocio pri la naskiĝo mem, ekz. "Dum la tago de mia naskiĝo en 1917 forta vento forblovis la tegmenton de nia domo". Cetere mia naskiĝo okazis en la nokto. La vorto "tago" ja havas plurajn signifonuancojn, kiel la periodon de 24 horoj, la luman parton de tiuj 24 horoj, la dividon de la jaro en 365 partojn, unu el la elementoj de dato, k.t.p. La sama persono demandis, kio do en Esperanto estas la vorto "*anniversary*", "*anniversaire*". Ankaŭ tie temas pri ripeto de certa tago (plej ofte) aŭ semajno aŭ monato (malofte) aŭ de tuta jaro (preskaŭ neniam). Do *wedding anniversary* simple estas ripeto de la originala jartago, do "la (ĉijara) geedziĝtag(ripet)o". La ripetiĝo de la nomo de iu el la 365 tagoj de la jaro.
*M. L.*

**3). FLOROJ**. Pasintan semajnon mi menciis ke mi manĝis la florojn de la robiniarbo falintajn en mian ĝardenon, kaj ke tiuj floroj faladas el de la arbo duonvoje tra sia florado. Alie mi ne povus kolekti ilin. Ĝi ne estas la sola arbo, kiu faras tion: unu el miaj ĵakarandoj nun vaste floras kaj sub la arbo nun kuŝas blua tapiŝo da falintaj kaj plu florantaj floroj. Belega! Kaj tiu sama arbo antaŭ du monatoj perdis preskaŭ ĉiujn siajn foliojn post kiam ni iomete fosis ĉirkaŭ ĝia trunko. Mi antaŭvidis ke ĝi estas mortanta. Sed antaŭ unu monato la folioj revenis, kaj nun la floroj kovras la tutan arbon. Mi havas alian arbon, ankoraŭ tre junan, kiu ankaŭ mortis, antaŭ tuta jaro, kaj kiu nun revivas kaj kreskas malgrandajn foliojn. Mia filo plantis ĝin antaŭ du jaroj, sed ne plu scias kia arbo ĝi estas. Ni vidos, sed ĝi aspektas tute nekonata. Antaŭ pluraj jaroj pli granda arbo, plumarbo, dum tuta jaro ne kreskigis foliojn kaj aspektis morta. Sed mi ne tuj eltiris ĝin el la grundo. Post morta jaro ĝi rekreskis. *M. L.*

**4). LA MONDO BEZONAS PLI INTELIGENTAN ANIMALON OL LA HOMON**. La homa raso (sed mi ne estas rasisto) evoluis el la raso de la simioj, antaŭ centmiloj da jaroj, hazarde pro hazarda mutacio de la simia cerbo al la homa cerbo, kio okazas en la naturo. Tia mutacio helpatis aŭ kaŭzatis de la ŝanĝo de niaj piedoj kaj manoj. Mi opinias ke la homa raso urĝe bezonas plian mutacion de la cerbo, tiel ke nia cerbo perdos sian inklinon transdoni niajn agojn al la naturo, i.a. per la kredo en nepruveblajn imagaĵojn kaj en vetado, kaj tiel ke nia cerbo perdu sian akcepton de aliaj personoj kiuj regas nin dirante ke ili meritas tion estante pli valoraj, kaj perdante la kutimon juĝi aferojn pere de siaj emocioj. Ankaŭ utilus, se la homoj bezonus sekson nur dum parto de la jaro, kiel multaj animaloj. Se tia mutacio ne baldaŭ okazos, la nuna ŝtupo de la homara inteligento certe ruinigos nian planedon per sia kapitalisma ekonomia sistemo. Laŭ mi.
*M. L.*

**5). AMIKA DISKUTO KUN AMIKA FRANCISKA:**

**Unue** pri *"J'ai mange'"*: Tiu esprimo havas nun du signifojn sufiĉe malsamajn: A. "Mi estas manĝinta" kiel ekz. en *"Non, merci, car j'ai mange'"*, signifanta ke mi nun havas la stomakon plenplena pro pasinta manĝado. Oni nomas ĉi tiun verbtempon la Perfekto, le parfait. Tio samas en pluraj aliaj lingvoj eŭropaj. B. "Mi manĝis (komplete)", kiel en *"Aŭjourd'hui j'ai mange' de bonne heure"*. Oni nomas ĉi tiun verbtempon la Preterito*, le passe'* simple. Ankaŭ ĉi tio samas en kelkaj aliaj lingvoj eŭropaj, i.a. la angla kaj la germana. En ambaŭ signifoj de *"J'ai mange'"*) la vorto *"mange'"* estas pasinta participo (aktiva), do indikas tempon (kune kun *"ai"*). En *"Regardez la souris et la pomme: la pomme est mange'e* (= proks. *"est en train d'e+tre mange'e") avec beaucoup de difficulte'"* la vorto *"mange'e"* neniel indikas tempon sed nur pasivecon de la ago (la francaj kaj aliaj lingvistoj cetere ne scias tion ). La tempon indikas nur la vorto *"e'tait, est, aŭ sera"*. Do en ĉi tiu frazo la vorto *"mange'e"* nur estas pasiva participo, kaj devas havi tiun terminon .

**Due**: En cia franca lernejo ci lernis, ke oni konstruu la futuron aldonante al la infinitivo unu el la ses vortoj (kun redukto) de la konjugacio de la helpverbo *"avoir"*. En mia nederlanda elementa lernejo (sesa klaso) oni klarigis tion pli science, dirante ke oni faru la futuron aldonante al la infinitivo la futurajn finaĵojn "ai, as, a, ons, ez, kaj ont". Ke la futuraj finaĵoj antaŭ longa tempo estis la verbo *"avoir"* estas nur historia fakto, ne nuna. La historio diras, ke antaŭ la formoj *"Je mangerai"* k.t.p. kaj post la latinaj formoj la futuro esprimatis per "Mi (k.t.p.) devas (= prezenco) manĝi", kio en tiama franca estis *"Je ('a) manger ai"* el *"J'ai 'a manger"*, do prezenco.

**Trie:** Pri nacieco: Mi amas Aŭstralion kaj amis Nederlandon kaj mi jam forte amis kaj amas Francujon sen ĝia nacieco; malgraŭ iliaj malamindaĵoj. Fakte mi amas ĉiujn landojn kaj do prefere nomas min "mondano" ol aŭstraliano aŭ nederlandano aŭ franco. Sed la nacieco nuntempe donas al mi kelkajn gravajn certaĵojn, ekz. senpagan medicinan helpon, kaj rajton resti en la lando, kaj ricevi aliajn ŝtatajn helpojn.

*Marcel Leereveld*.



# "Malgrava historieto pri mia vivo" (Bob Felby)

## Bona rakonto kaj bona Esperanto. Ĉapitro 6 Mi iras Danlanden



Tial kelkajn monatojn poste mi decidis ne plu malŝpari mian tempon en tiu lando, kiu ne akceptas feliĉulojn. Mi do maldungis min antaŭ la flegistinestrino, klarigante ke mi ne povas labori kun la irlandanino, kiu, laŭ mia opinio, estas tro ordonema.

Kiam mi klarigis mian novan decidon al Audrey, ŝi saĝe decidis kuniri kun mi al Danlando, kie oni rajtas danci nudpiede kantante kiun ajn kanton, eĉ en la malsanulejaj operaciejoj.

Tiam mi havis mian unuan favoran impreson pri Anglujo. La impostistoj aŭdis, ke mi foriros, kaj repagis al mi ĉiun monon, kiun mi tiam pagis al ili. Kaj tio estis multo. Estas ĉiam tro multe ! Nun mi estis riĉulo revenonta al Danlando. Kiam la patro de Audrey aŭdis, ke mi reiros, ankaŭ li ĝojegis, ĝis Audrey diris, ke ŝi kuniros. Li tiam malĝojis, kompreneble, tamen decidis pagi la vojaĝon de ni ambaŭ. Li eĉ akompanis nin al Liverpool Street Station, tiu stacidomo, kiun

mi tiom ofte poste revidis kaj amegis. En la vagonaro al Harwich ni bele konversaciis kun nederlandano, kiu jam satiĝis de la angloj. Mi estis vere ĝoja, ĉar nun mi povas pli libere paroli en la angla.

En Kopenhago mi memorigis la instancojn pri ilia promeso, ke mi laboru kiel poŝtisto. Ilia sola, kaj stulta, respondo estis, ke nun mi estas tro maljuna por komenci ĉe ili. Estas la dana logiko tre stranga, ĉu ne ? Oni diras, ke mi devas unue fini mian militservon, kaj post tiu finiĝo, post perdo de du jaroj el mia vivo, oni decidas, ke nun mi estas tro maljuna !

Mi do reprenis mian malnovan laboron en la bakejo. Tamen ne estis la sama laboro, pasintan fojon mi faris la vafletopaston, ĉi tiun fojon mi faris la kremon. Mi estis do nomita la “kremulo”.

Kiel kremulo mi laboris ioman tempon. La bakejo havis akciojn en multaj aliaj bakejoj, dolĉaĵfabrikoj kaj ĉokoladfabrikoj. Tio signifis ke ĉiun monaton ni povis preskaŭ senpage aĉeti biskvitojn, vafletojn, bombonojn kaj ĉokoladon. Kaj tion ni faris. Mi tre ĝuis mian tempon en la bakejo. Neniu snobo laboris tie. Kaj mia laborestro estis nederlandano. Kun li mi povis paroli krom dane, ankaŭ angle kaj germane, kvankam li faris tion multe pli bone ol mi !

En Danlando ni geedziĝis, fakte en “*Frederiksberg Rådhus*”, t.e. la urbodomo de Frederiksberg. Estis el Londono senditaj multaj donacaĵoj de la patro de Audrey. Tamen en Kopenhago ni restis nur kelkajn monatojn.

Ni loĝis en nur unu ĉambro sur la 5-a etaĝo en belega, sed malnova domo en Frederiksberg. De nia ununura fenestro ni povis vidi la sonorilturon de la urbodomo. Ĝiaj sonoriloj sonoris ĉiun kvaronhoron, do estis iom tro malbone, precipe dum la noktoj. Malantaŭ la urbodomo situas la belega “Frederiksberg Have”, te. La ĝardeno de Frederiksberg. Estas iom pli alta la nivelo en tiu parto de Kopenhago, tial ĝi nomiĝas “Frederiksberg”. “Berg” supozeble estas mallongigo de “*bjerg*”, kio signifas “monton”.

Iam reĝis iu reĝo, kies nomo estis Frederik, verŝajne Frederik la 7-a. En lia epoko Frederiksberg Have estis privata, sed hodiaŭ ĉiu rajtas eniri ĝin, ĉar niaj prapatroj ja jam pagis ĝin.

Kelkajn minutojn da piedirado de nia loĝejo troviĝas la Reĝa Porcelanfabriko, en kiu mi, kiam infano, tro multe suferis.

Unu minuton for de nia loĝejo situas kinejo, en kiu Audrey kaj mi iun vesperon rigardis “D-ro Ĵivago”.

*Daŭrigota* *Bob Felby*





